# INTERNACIA JURNALISTO



JARO VII. SOFIA — BULGARIO
JULIO — SEPTEMBRO 1963, № 3


## GRANDEGA SUKCESO

## Ĝenerala jarkunveno de TEĴA en Sofio

*Proksimume 3500 aliĝintoj el 45 landoj, el ĉiuj kontinentoj de la terglobo! Tio signifas, ke la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofio, Bulgario, estas rekorda laŭ nombro kaj riĉa enhavo post la Dua mondmilito. Kiel skribas „Esperanto" de UEA (№ 9, sept. 1963) „Kongresanoj de ĉiuj mondpartoj povis konstati en Sofio, ke en orienta Eŭropo, kaj tute speciale en Bulgarujo, la movado por internacia lingvo troviĝas sur tre solida kaj tre larĝa bazo".*

*Kaj en la kadroj de la majesta 48-a UK, en la kongresejo — la Ŝtata Universitato okazis ankaŭ la impona ĝenerala jarkunveno, preskaŭ kongreso, de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Nian jarkunvenon partoprenis ĉirkaŭ 80 gekolegoj el 15 landoj. Ĝojiga fakto, grandega sukceso, amasa vizito, riĉenhava programo, bonegaj rezultoj!..*

La kunvenon malfermis la presidanto de TEĴA, s-ano Olav Thormodsen el Norvegio. Kun granda ĝojo li salutis la ĉeestantajn kolegojn en la nomo de la estraro. Bondezirante sukcesplenan laboron al nia kunveno li diris,



Olav Thormodsen, prezidanto de TEĴA

ke ni ĉeestas tiun ĉi imponan ĵurnalistan renkonton dank' al la grandega intereso de la tutmonda esperantistaro ĝenerale al la Universala Kongreso de Esperanto en Sofio kaj speciale al la bulgaraj kaj sofiaj ĵurnalistoj-esperantistoj, kiuj klopodis antaŭprepari ĝin kaj ĝian riĉenhavan programon.

La laboron de la kunveno gvidis s-ano Ivan Keremidĉiev-Esperov. Li anoncis la tagordon:

1. Salutparoloj.
2. Raportoj de la prezidanto kaj de la sekretario-kasisto de TEĴA pri la agado de la estraro kaj pri la organiza kaj financa stato de la asocio.
3. Tralego de la projekto-decidoj.
4. Prelego pri iuj formoj kaj metodoj de interĵurnalista kunlaborado.
5. Ŝanĝoj en la statuto de TEĴA.
6. Diskutoj. Voĉdonigo de la projekto-decidoj.
7. Kompletigo de la estraro.

La tagordo estis aprobita unuanime de ĉiuj kolegoj. Aprobitaj estis ankaŭ la aliaj eroj de la programo:

1. Komuna tagmanĝo en la restoracio de la ĵurnalistoj.
2. Akcepto en la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj kun koktelo kaj amika konversacio.
3. Vizito de redakcioj en la ĉefurbo.

Post tio parolis la ĝenerala sekretario de la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj

Ilija Ignatov por saluti la kunvenon. „Karaj gekolegoj, — diris Ignatov, — mi havas la honoron kaj taskon saluti vin kaj bondeziri al vi ĉiuj sanon, feliĉan restadon en nia lando kaj sukceson en via nobla laboro".

Li notis, ke la agado de la Ĵurnalistoj-esperantistoj, bonege pritaksata en Bulgario, valore kontribuas por la kompreniĝo inter la popoloj, por la plifirmigo de li amikeco inter la ĵurnalistoj, inter la popoloj de ĉiuj landoj. Plue li emfazis, ke la grandega 48-a Universala Kongreso de Esperanto kaj speciale la imponan jarkunvenon de la ĵurnalistoj-esperantistoj havas internacian signifon kaj li kredas, ke la laboron kaj la decidojn, kiujn ili akceptos, estos nova kontribuo al la komuna klopodo de la popoloj por paca kompreniĝi kaj kunekzistado inter la nacioj kun malsamaj socisistemoj.

S-ro Ignatov menciis pri la internacia renkonto, kiun organizas la Internacia Komitato por ĵurnalista socidareco en la mezo de septembro j. k. sur la veturanta vaporŝipo „Litovio" tra Mediteraneo. Li invitis la ĵurnalistojn-esperantistojn partopreni tiun ĉi renkonton. La estraro de TEĴA povus klopodi por akcepto de Esperanto kiel unu el la oficialaj lingvoj. (N. B. — La Internacian ĵurnalistan renkonton en Baden apud Vieno antaŭ jaroj, estis partoprenita de 4 TEĴAanoj).

Responde al la sekretario de la Unuiĝo de la bulgaraj ĵurnalistoj, la prezidanto de TEĴA dankis al li pro liaj kuraĝigaj vortoj kaj pro la bona rilato, kiun la Unuiĝo de la ĵurnalistoj en Bulgario havas al la TEĴAanoj kaj al Esperanto.

La kunveno estis salutita perletere de la soveta verkisto Ivan Sergeev el' Moskvo, kiu pro sia ne bona sanstato ne povis partopreni la UK kaj la ĵurnalistan kunvenon. Tralegitaj estis ankaŭ la leteroj de TEĴA mi esperas, ke la estonta jaro estos por ni pli fruktoriĉa ol estis la pasinta. Certe la disvastigo kaj la plivigligo de nia laboro dependas de ni ĉiuj kaj pro tio ni devas pli bone utiligi la diversajn eblecojn, kiuj donas al ni nia kara lingvo internacia.



La prezidanto de la jarkunveno Ivan Esperov, la vicprezidanto de TEĴA Niilo Kavenius kaj la ĝenerala sekretario de l' Unuiĝo de Bulgaraj Ĵurnalistoj, salutanta la kunvenon.

Oni tralegis ankaŭ la salutleterojn de la ĵurnalistoj Arpad Szakasits el Hungario, Emil Mayer el Pollando k. a., kiujn ni citas aliloke.

Post tiu ĉi oficiala parto de nia fakkuveno sekvis la raportoj. La prezidanto de TEĴA

Thormodsen tralegis la raporton pri la laboro de la estraro kaj agado de la asocio dum la pasinta periodo.

### Al novaj venkoj de T. E. Ĵ. A.

„Ni estas ĝojaj ree renkontiĝi, nun en la belega ĉefurbo Sofio, en la ĉarma kaj gastama Bulgario-komencis sian raporton nia ŝatata prezidanto. Posedante en niaj manoj la potencan rimedon — la gazetaron, la radion kaj la televidon, nia devo estas respeguli objektive la socian opinion, apogi la ordinarajn homojn en la mondo, sopirantajn feliĉon, pacajn kunlaboron kaj kunvivadon inter la popoloj kaj la ŝtatoj, senkonsidere de iliaj sociordoj. Havante antaŭvide tiun celon, la estraro povas raporti al vi, karaj geamikoj, ke dum la pasinta laborperiodo la estraro laboris pli bone kaj rezultodone ol alifoje. En plena interkonsento la estaranoj per interŝanĝitaj cirkulerleteroj traktis ĉiujn plej gravajn organizajn kaj aliajn problemojn de TEĴA. Ni sukcesplene solvis ilin".

Plue la prezidanto notis, ke nia asocio plistabliĝis kaj plivigliĝis. La nombo de niaj anoj pligrandiĝis, la interĵurnalista kunlaborado plilarĝiĝis. Dum tiu periodo ni eksciis pri la fondiĝo de novaj „Esperanto-press". Krom la Presservo, starigita en Svisio de d-ro Unger, en Rio de Ĵanejro, Brazilo estas organizita „Esperanto-press" por la brazila kaj alilanda gazetaro. En Hungario la Hungara telegrafa agentejo komencis eldoni specialan bultenon en Esperanto. En Bulgario speciala buroo preparas gazetmaterialojn en nia lingvo. Ĉio ĉi elokvente parolas pri la ĝojiga fakto, ke Esperanto akiras novajn poziciojn en la ĵurnalista laboro. Ni povas mencii ankaŭ la plivigliĝon en la laboro de niaj sekcioj kaj apartaj kolegoj en Bulgario, Jugoslavio, Finnlando, Pollando, Sovetunio k. a. landoj.

La raportinto menciis speciale la rimarkindan laboron de la bulgaraj TEĴA-anoj. Okaze de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto ili sukcesis prepari plurajn gazetmaterialojn en E., kiuj aperis en ĉiuj plej gravaj Esperanto-gazetoj en la mondo. Tiamaniere ili disponigis multajn faktojn-historiajn, kulturajn, geografiajn, turismajn ktp. — al siaj eksterlandaj kolegoj. Dank' al iliaj klopodoj ankaŭ la bulgara gazetaro publikigas diversajn materialojn kaj iformojn pri la preparo kaj la laboro de la 48-a UK. Plensukcese pasis ankaŭ la du prikongresaj gazetaraj konferencoj. Kiel diras nia amiko kaj kolego Marinko Ĝivoje, la bulgaraj TEĴA-anoj faris revolucion en la organizado de la Kongresa Servo. Dum en la antaŭaj universalaj kongresoj la gazetaran Servon prizorgadis nur tri-kvar ĵurnalistoj, nun en Sofio preskaŭ la tuta ĵurnalista E.-sekcio, ĉirkaŭ 70 homoj laboris en la Gazetara Servo. Ili, kiel ni jam notis, preparis la riĉan programon de nia ĝenerala kunveno. Permesu al mi ankoraŭtoje saluti ilin en via nomo.

Poste la raportinto starigis ankaŭ la aŭskultantoj la plej gravajn solvendajn problemojn.

— Kiamaniere aligi al TEĴA ĉiujn ĵurnalistojn-esperantistojn? Tiurilate bonajn sukcesojn havas la TEĴA-anoj en Bulgario, Pollando, Sovetunio, Jugoslavio. Ilian ekzemplon kaj laboron oni devas imiti.

— Iuj membroj de la estraro ne montris sin kiel interesamaj kaj viglaj. Ni devas anstataŭigi ilin.

— Ne en ĉiuj landoj TEĴA havas viglajn komitatanojn kaj reprezentantojn. Ili estas necesaj al la asocio por varbado de novaj membroj, por kolektado de membrokotizoj, por organizado de nia ĵurnalista kunlaborado ktp. La plej agema komitatano montris sin s-ano N. F. Danovskij el Moskvo, USSR.

— Manko en nia afero estas la neregula pagado de la membrokotizo flanke de iuj TEĴA-anoj. La komitatanoj kaj la reprezentantoj de TEĴA devas kunhelpi por la plibonigo de nia financa stato.

— Ne ĉiuj el ni estas membroj de UEA kaj fakdelegitoj pri ĵurnalismo kaj kunlaborantoj de la Informa fako de UEA.

— Necesa estas plivastigo de nia ĵurnalista kunlaborado. Sed tiun demandon pli detale tuŝos la prelegonto As. Grigorov.

La raportinto menciis ankaŭ pri la plibonigita eldonado de nia organo „Internacia Ĵurnalisto".

La raporto de s-ano Thormodsen estis aplaŭdita kun kontento.

La parolo poste estis donita al la sekretario-kasisto de TEĴA prof. d-ro Dino Fabris el Italio. Li raportis pri

### La organiza kaj financa stato de TEĴA

— En TEĴA estis enlistigitaj ĝis nun 327 ĵurnalistoj el 33 landoj-diris la raportinto. — Ili estas dividitaj tiele: Aŭstralio 2, Aŭstrio 3, Belgio 3, Brazilo 4, Britlando 6, Bulgario 73, Ĉeĥoslovakio 14, Ĉinio 3, Danlando 5, Egiptio 1, Finnlando 4, Francio 9, Okc. Germanio 5, Orienta Germanio 3, Hindio 1, Hispanio 3, Hungario 7, Japanio 4, Indonezio 1, Italio 8, Jugoslavio 20, Izraelo 4,

Koreo 3, Meksiko 1, Nederlando 5, Norvegio 2, Pollando 38, Rumanio 8, Sovetunio 64, Svedio 10, Svisio 1, Usono 2, Vietnamio 10, Bedaŭrinde ni ne forgesu, ke 5 el ili mortis en la lastaj jaroj kaj inter ili — permesu al mi memorigi nian amikinon el Indonezio — s-ino Datu Tumenggung. (Laŭ propono de raportinto la ĉeestantoj stariĝas kaj silentas unu minuton honore al la forpasintoj). Aliaj 4 membroj forlasis sian ĵurnalisman profesion. Do, entute nia asocio havas nun 318 membrojn. Al niaj enketiloj respondis 116 membroj-kategorio A-57 kaj kategorio B-59.

La sekretario-kasisto notis la finacan staton de la asocio. Li notis, ke la reprezentanoj en Jugoslavio kaj Pollando dum la lastaj jaroj ne kolektadis membrokotizojn de siaj samlandanoj. Tio malhelpas la laboron de la estraro. Li finis sian raporton dirante, „ke dum tiu ĉi jaro TEĴA festas sian 15-jaran datrevenon de sia fondiĝo, ĉar mi legis en iu dokumento, ke dum 1948 la asocio jam agadis. Do, kun niaj pli ol 300 membroj ni daŭrigu nian laboron por la sukceso de la asocio kaj por la triumfo de Esperanto".

S-ano Iv. Keremidĉiev Esperov el Bulgario post tio tralegis la projekton de la decidoj pri la estonta agado de la Asocio.

### Pri „Iuj efikaj formoj kaj metodoj de interĵurnalista kunlaborado"

Je tiu sekvis interesa prelego de la esperanta redaktoro de „Nuntempa Bulgario, Asen Grigorov el Bulgario. Li emfazis, ke la devo de la ĵurnalistoj-esperantistoj en la tuta mondo estas uzi Esperanton por reciproka konatigo de la landoj, por objektiva informado. Skribi en Esperanto korespondaĵojn destinitajn por la alilando ne estas agado ordinara. Tio estas serioza laboro, nia patriota kaj internacia devo. Sed la ĵurnalistoj en iuj landoj intence malorientas la publikan opinion. La ĵurnalistoj-esperantistoj ne devas esti tiaj mensoguloj.

S-ano Grigorov montris iujn formojn kaj metodojn de ĵurnalista kunlaborado, kiuj jam ekzistas aŭ ekzistas en sia embrio. Li emfazis, ke la estraro de TEĴA kaj „Internacia Ĵurnalisto" devas serĉi tiajn efikajn manierojn de kunlaborado, montri la bonan sperton, doni vojon al ĉiu utila iniciativo tiurilate. Li montris la bonan agadmanieron de A. Zednik el Ĉeĥoslovakio, priskribitan en „Int. Ĵurnalisto". Kvankam ne profesia ĵurnalisto, Zednik fariĝis tradukisto kaj organizanto de la interŝanĝo de materialoj, ĉefe de karikaturoj, por la satira ĵurnalo „Dikobraz" (Histriko). Li altiris kiel kunlaborantojn de la gazeto ĉ. 20 esperantistojn el Ĉinlando, Sovetunio kaj pluraj aliaj landoj. Havigante per ili pere de Esperanto gazetmaterialojn, kiujn li tradukas en E., aperis apartaj libroj kun humoraj materialoj en iuj naciaj lingvoj. Kvin el liaj korespondantoj alilandaj, inter ili japano, komencis studi ĉeĥan lingvon.

La preleginto menciis ankaŭ la utilan Interkunlaboradon de Haim Levi el Bulgario kaj Niilo Kavenius el Finnlando. Li mem atestis pri la resonemo kaj diligenteco de la kolego Kavenius, kiu publikigis materialojn pri Bulgario, senditaj al li en Esperanto aŭ kiujn li senpere tradukis el E. en finnan lingvon ĉu el „Nuntempa Bulgario", ĉu ricevitaj de la Bulgara Informa Buroo.

Lastatempe oni publikigis grandan nombron da materialoj pri Bulgario en fremdlandaj esperantaj kaj ne esperantaj gazetoj, dank' al la helpo de ĵurnalistoj-esperantistoj. Tiujn materialojn preparas la menciita Bulgara Informa Buroo ellaboritaj de fakuloj kaj tradukitaj de spertaj esperantistoj. La okcidentgermana gazeto „Germana Esperanto-Revuo" kontaktiĝis lastatempe kun bulgara ĵurnalisto (Murgin), kaj regule, presigas materialojn ĉu pri Bulgario ĉu pri bulgara Esp.-movado. Tiu ĉi agado havas gravan signifon kaj ĝi devas daŭrigi plu. En ĝi devas partopreni kaj helpi organizite la sekcioj de TEĴA kaj la estraro de nia Asocio. Tiu ĉi agado devas esti organizita sur bazo de reciprokeco. Ni devas sekvi tiujn ĉi ekzemplojn. Ĉiu el ni - diris s-ano Grigorov — devas trovi almenaŭ unu alilandan kolegon esperantiston, kiu kunlaboras al iu Esperanta aŭ ne esperanta gazeto. Al li ni devas sendi regule materialojn, konvenajn kaj postulitajn de tiu gazeto. Tiamaniere ĉiu el ni povas fariĝi alilanda korespondanto.

La preleginto tuŝis ankaŭ la demandon pri la karaktero de la gazetmaterialoj, kiujn ni devas prepari. Ili ne estas aktualaj politikaj novaĵoj, kiuj oni tuj, la saman horon dissendas per agentejoj aŭ radio. Konvenaj por ni estas la materialoi kun pli longdaŭra valoro. Laborante aktive, ni ĵurnalistoj-esperantistoj donos nian kontribuo ankaŭ por la sukcesigo de la kampanjo de Unesko, en kiu partoprenas ankaŭ la Universala Esperanto Asocio. Tiamaniere — konkludis s-ano Grigorov — ni partoprenos en la nobla agado por la interpopola kompreniĝo, kontribuos por la konservado de la paco kaj amikeco inter ili.

Post la raportoj kaj la prelego sekvis

**viglaj diskutado**

en kiu partoprenis pluraj ĉeestantoj. Haim Levi kaj Atans Lakov el bulgario, N. E. Danovskij kaj Konstantin Gusev el Sovet-Unio, Ada Fighiera-Sikorska, redaktorino de „Heroldo de Esperanto", Loraine Bultzloff el Usono, Zlata Flego el Jugoslavio, J. Uspienski el Pollando k. a.

(Iuj el la eldiroj ni aperigos koncize en la sekvonta n-ro de „I. Ĵ.". La rekomendojn de la diskutintoj estas akceptitaj por la laborplano kaj la rezolucio).

Aprobante la ĝisnunan agado de la estraro de TAĴA, ili donis proponojn kaj sugestojn por plibonigo kaj pli larĝigo de la estrara kaj asocia agadoj. Unuanime oni akceptis la decidoj pri

**La estonta agado de TEĴA**

En tiu ĉi dokumento, pritaksante la ĝisnunajn sukcesojn en la organiza kaj kulturprofesia laboro, oni ankaŭ montras iujn mankojn kaj nesolvitajn problemojn, ekzemple: multaj ĵurnalistoj-esperantistoj ankoraŭ ne membras en nia Asocio; ne en ĉiuj landoj estas kreitaj grupoj kaj sekcioj de TEĴA; multaj membroj ne pagas regule la membrokotizon; ne en ĉiuj landoj estas aktivaj reprezentantoj de la Asocio; oni ne kunlaboras al „Internacia Ĵurnalisto" kontentige; ni ne utiligas bone niajn eblojn kaj fortojn por disvolvi vastan kaj utilan profesian, kultur — klerigan kaj propagandan laboron; ne sufiĉa estas la kunlaborado al UEA kaj ĝiaj fakoj; la „Interŝanĝa Servo" ĉe TEĴA ne funkcias.

Konsiderante tiuj ĉi niajn sukcesojn kaj mankojn la ĝenerala jarkunveno de TEĴA decidis:

1. Oni devigas la estraron, la komitatanojn kaj la reprezentantojn de TEĴA en ĉiuj landoj popularigi la celojn kaj la taskojn de la Asocio inter la ĵurnalistoj kaj varbi la esperantrstojn-ĵurnalistojn, ankoraŭ ne aliĝintaj al TEĴA;

2. La gvidorganojn de TEĴA faru ĉion eblan por plivigligi la ekzistantajn kaj krei novajn grupojn kaj sekciojn.

3. La estraranoj, la komitatanoj kaj reprezentantoj de la Asocio prizorgas pri la regula pagado de la membrokotizo en la landoj, pri kiuj ili respondecas kaj ili mem kolektas la kotizon.

4. La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" kreu reton de regulaj kunlaborantoj al la presorgano. Devo estas de ĉiu TEĴA-ano proprainiciate kunlabori al la organo.

5. Laŭ la decido de la kunveno de la redaktoroj de Esperanto-gazetoj, okazinta hieraŭ en la Kongresejo kaj la farita interkonsento kun TEĴA, nia Asocio estas devigata restarigi kaj plivigligi la funkciojn de la „Interŝanĝa gazetara servo" ĉe TEĴA, kiu devas kontribui ankaŭ al la redakcioj de Esperanto-gazetoj.

6. Ĉiuj TEĴA-anoj apogu la fondaĵon „Internacia Ĵurnalisto".

7. La jarkunveno rekomendas al la membroj de TEĴA fariĝi fakdelegitoj pri ĵurnalismo al UEA kaj kunlabori al ĝiaj fakoj kaj speciale al la Informa servo.

**Ŝanĝoj en la statuto**

Raporton faris la sekretario-kasisto D. Fabris. Li substrekis, ke la pligrandigita nombro de la Asocio kaj la pliampleksigita laboro



Sekretari—kasisto Dino Fabris raportas

devigas nin iomete pligrandigi la nombron de la estraranoj. Krom tio necese estas plibonigi la statuton mem, ĉar ĝi estas preparita en 1948 kaj ne korespondas al la novaj

kondiĉoj de laboro. Sed nun ni ne havas tempon ŝanĝi la statuton entute. Tion eble ni faros venontjare en Hago. Oni proponis nun la jenajn iometajn ŝanĝojn:

1. La nombro de la estraranoj estu 9 (naŭ).

2. En landoj, kie estis pli ol kvin membroj de TEĴA, la membroj rajtas havi komitatanon. Tiaokaze ili mem elektas (montras) sian komitatanon, kiu partoprenos en la laboro de la estraro kaj estas konfirmata de ĝi.

En la landoj, kie estas malpli ol kvin membroj, la Asocio havas sian **reprezentanton**. Tiuj membroj proponas al la estraro kiu el ili estu la reprezentanto kaj la estraro konfirmas lin. Alimaniere la estraro mem montras la reprezentanton.

La jarkunveno unuanime akceptis la proponitajn ŝanĝojn en la statuto.

Sekvis post tio decido

### Kompletigo de da estraro

S-ano Fabris proponis kaj oni elektis kiel aldonajn estraranojn la sekvantajn aktivajn TEĴA-anojn: s-aninoj Karen Salmosa el Stokholm (Svedio) kaj Zlata (Jugoslavio), kaj s-anoj N. F. Danovskij en Moskvo (USSR), J. Uspienski el Varsovio (Pollando), kaj G. N. Jepsen, el Silkebor (Danlando).

La kunvenintoj akceptis ankaŭ tiun ĉi proponon.

La kompletigita estraro konstituiĝas jene:

Prezidanto — Olav Thormodsen (Norvegio)

Vicprezidantoj — Niilo Kavenius (Finnlando)

Ivan Keremidĉiev Esperov (Bulgario), kiu restas ankaŭ redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto".

Sekretario-kasisto — Prof. d-ro Dino Fabris (Italio)

Membroj-estraranoj — la novelektikaj kolegoj: Karen Salmose, Zlata Flego, N. F. Danovskij, J. Uspienskij, G. N. Jepsen.

### Komuna tagmanĝo, akcepto, vizito

La enhavoriĉa ĝenerala jarkunveno de TEĴA finiĝis per agrabla komuna tagmanĝo en la restoracio de l'Unuiĝo de Bulgaraj Ĵurnalistoj. Post tio en la ruĝa salono de la Unuiĝo okazis solena akcepto kun koktelo fare de la Estraro de l'Unuiĝo de Bulgaraj Ĵurnalistoj, Sekvis amika kaj intima interparolado. Oni donis al la gastoj plurajn informojn pri diversaj profesiaj demandoj.

Posttagmeze grupo de TEĴA-anoj k. a., vizitis la redakciojn de la plej grandaj ĉiutagaj ĵurnaloj en la lando — „Rabotriĉesko Delo" kaj „Oteĉestven Front" — kaj ankaŭ



La prezidantaro de la gazetara konferenco, okazinta la 2-an de aŭgusto 1968 en la Domo de la bulgaraj ĵurnalistoj

la Bulgaran Telegrafan Agentejon, kies ĉefaj redaktoroj kaj redaktaj kolegaroj akceptis la eksterlandanojn afable, donante al ili koktelojn.

## GRAVA KUNVENO DE REDAKTOROJ DE ESPERANTO-GAZETOJ EN SOFIO

En la kadroj de 48-a UK en Sofio okazis ankaŭ kunveno de redaktoroj de Esperanto-gazetoj, kunvokita kaj gvidita de s-ano V. Sedler — redaktoro de „Esperanto„. Ĉeestis ĉirkaŭ 20 redaktoroj.

La kunveno pridiskutis demandojn, kiujn s-ano Sedler per cirkulera letero anticipe dissendis al la redaktoroj. Repsonde al alia cirkulero al li venis kelkaj proponoj por diskuto, resume la jenaj:

S-ino Bakker (Laborista Esperantrsto) opinias, ke okazas tro da ripetoj en nia esperantista gazetaro, kaj proponas, ke estus pli bona unu centra organo sur alta nivelo, kun loke aldoneblaj suplementoj.

S-ro Reuchlin (Germana E. — Revuo) aliflanke proponas la kreon de Gazetara Servo por la Esperanto-gazetaro (diference de la ekzistanta IGS de UEA, kiu celas neesperantistan gazetaron), kun monata bulteno kaj internacia korespondantaro. Tiu pro-

pono ŝajnas esti pli malpli kontraŭa al tiu de s-ino Bakker, ĉar ĝi per si mem rezultigus ripetadon.

S-ro A. Sekelj (Jugoslavia Esperantisto) faris proponon, kiun s-ano Sadler aperigis en „Esperanto“, maja n-ro, p. 97, kaj kiu koncernas pli ĝuste la administran ol la redaktan flankon de nia laboro.

La opinio de s-ano Sadler estis simila al tiu de Bakker. . Li pensas precipe pri la organoj de landaj asocioj, preferante vidi plenan apartigon de la tri funkcioj : informado al neesperantistoj, prezento de la enlanda movado kaj prezento de la internacia movado. Lia idealo konsistas el :

a) Nacilingva eldonaĵo por informaj celoj (jam ekzistas kelkloke).

b) Internacia organo, kiun abonus ankaŭ ĉiuj anoj de L. A. (Landaj asonoj).

c) Interna bulteno organiza k. s. de la landa movado.

d) Kulturaj k. a. eldonaĵoj de pli prosperaj L. A. (ekz. La Suda Stelo)

e) Sendependaj, fakaj k. a. gazetoj.

La kunvenon partoprenis ankaŭ la TEĴA-noj Asen Grigprov — esperanta redaktoro de „Nuntempa Bulgario“ kaj Ivan Keremidĉiev Esperov — redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“, ambaŭ el Sofio. S-ano Esperov en sia parolado klarigis al la ĉeestantoj la celon kaj la taskojn de TEĴA. Li proponis kaj oni akceptis la jenon :

a) Venontjare kaj por estonte la kunveno de la redaktoroj de esperantaj gazetoj okazu en la kadroj de TEĴA — programo, eĉ kune kun la TEĴA — jarkunveno.

b) La proponita de iuj Gazeta Servo estu ĉe TEĴA, kiu jam havas sian „Interŝanĝan Servon“. Ambaŭ servoj kunfluiĝu.

c) La redaktoroj de Esperanto-gazetoj laŭdezire (estus eĉ bone) fariĝi membroj de TEĴA.

d) Rilate la starigon de reto de internacia korespondantaro — tiu reto jam estas ~~preta — la membroj~~ de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. La redrktoro de Esperanto-gazetoj povas kaj devas utiligi ilin.

Estus bone, se ankaŭ aliaj kolegoj diros sian opinion pri la tuŝitaj demandoj en la supremenciita kunveno de la esperantaj redaktoroj. „Int. Ĵurnalisto“ disponigas siajn paĝojn por tiu celo.

D. H.

## LA VERDSTELA SOFIO

*La verdaj steloj ĉe angulo strata,*
*La verdaj steloj en ĉiela sin'.*
*Sofio kara, urbo nia frata,*
*Ni amas vin,*
*Salrtas vin,*
*Brakumas vin.*

*Nin verdaj branĉoj tuŝas kun kareso,*
*Pro ĝojo ni ebrias eĉ sen vin'.*
*Sofio kara, urbo de l'Kongreso,*
*Ni amas vin,*
*Salutas vin,*
*Brakumas vin.*

*Tre ĉarme sonas via voĉ' alvoka,*
*Al ĝi revokas koro kaj anim'.*
*Sofio, urbo de la Kvardenoka,*
*Ni amas vin,*
*Salutas vin,*
*Brakumas vin.*

*Kaj proksimiĝis la disiĝa horo. . .*
*Adiaŭ, bela nia amikin' !*
*Sofio kara, ĉiam en memoro,*
*Ni amas vin,*
*Salutas vin,*
*Brakumas vin.*

Konstantin Gusev

*R. N. La supran versaĵon verkis nia TEĴA-ano K. Gusev, Esperanto-poeto, ĵurnalisto-redaktoro en la granda moskva gazeto „Pravda“. Ĝi estas kantata laŭ la melodio de la populara soveta kanto „Amata urbo“. S-ano Gusev partoprenis la diskutajn en la ĝenerala jarkunveno de TEĴA.*

*

* *

## DUMKONGRESA KUNSIDO DE LA ESTRARO DE TEĴA

*Laŭ anticipa interkonsento inter la estraranoj, la 2-an de aŭgusto en la Kongresejo okazis kunsido de la estraro de nia Asocio. Ĉeestis s-anoj Olav Thormodsen — prezidanto, Niilo Kavenius — vicprezidanto, Dino Fabris, sekretario-kasisto kaj Ivan K. Esperov — redaktoro.*

*La estraro pritraktis iujn demandojn koncerne la tagordon kaj la programon de la ĝenerala jarkunveno. Unuanime estis akceptitaj la tagordo kaj la proponoj faritaj flanke de la estraro en la jarkunveno.*

## Esperanto en arabaj gazetoj

Kiel korespondanto de la araba semajna gazeto „Watani". (Mia Hejmlando), kiu apepas en Kairo, kaj ankaŭ al alia ilustrita gazeto „AL MUSAWAR", mi sukcesis interesigi la redaktorojn de tiuj gazetoj pri nia afero. Mi povis publikigi kelkajn artikolojn pri Esperanto kaj eĉ bildojn pri Internacia fervojista Esp-kongreso, kiu okazis lastan jaron en Budapeŝto. Oni eĉ publikigis bildon de mi kune kun S-ano Koŝala trafikministro en Hungario, kiu ankaŭ estas esperantisto.

Krom miaj artikoloj pri la kongreso kaj pri Esperanto, mi ankaŭ ofte publikigas artikolojn tradukitajn el Esperanto. Ekzemple S-ano Armand Su, el Ĉinio, sendis al mi interesan artikolon en Esperanto pri la egiptaj filmoj en Ĉinio. Mi ĝin tradukis kaj publikigis kune kun la bildo de S-ano Su en la gazeto „Watani" kun mencio pri Esperanto. Lastan monaton en la gazeto „Watani" kun mencio pri Esperanto. Lastan monaton mi publikigis interesan rakonton „La kokino de Panjo Malena" kiun mi legis en „Norda Prismo" ktp. . . Jen imitinda ekzemplo. Kolegoj ĵurnalistoj devas ĉiam montri al la publiko kiel utila estas nia lingvo, tradukante interesajn artikolojn.

Dum mia lasta vizito en Egiptio kaj Libano mi vizitis la malmultajn samideanojn tie kaj kuraĝigis ilin pli vigle labori por Esperanto. Mi ankaŭ denove faris pli ol 500 novajn belegajn kolorbildojn en Egiptio kaj kelkaj arabaj landoj kaj komencas nun novan serion da prelegoj en GFR. Sed mi volonte ricevus invitojn de samideanoj, kiuj povas organizi por mi prelegojn. Mi parolas pri multaj diversaj temoj pri Egiptio kaj kelkaj arabaj landoj, montrante kolorbildojn kaj araban muzikon.

Interesuloj bonvolu skribi al mi laŭ jena mia nova adreso :

Dr. Tadros Megalli
8191 Münsing am Starnberger See
Oks. Germanio.

## Utila laboro

S-ano Hjalmar Andersson tradukis en svedan lingvon kaj publikigis en la gazeto „Arboga Tidning", aperanta en urbo Arboga, la korespondaĵon „Kiel mi fariĝis esperantisto" de Stepan Titov („Nuntempa Bulgario" n-ro 4/1963).

# SALUTLEROJ AL LA GENERALA IARKUVENO DE TEJA

*Karaj gesamideanoj,*
*Ni kore salutas vin kaj deziras al ĉiuj viaj [illegible] gresaj entreprenoj plej bonajn sukcesojn.*

*Kiel membro de TEĴA mi esperas, ke la estonta jaro estos por nia Asocio pli fruktoriĉa ol estis la pasinta. Certe la disvastigo kaj la plivigligo de nia laboro dependas de ni ĉiuj kaj pro tio ni ĉiuj devas pli bone uzi la diversajn eblecojn, kiujn donas al ni nia kara lingvo Esperanto.*

*Sed por uzi ĝin nepre devas ekzisti ankaŭ ĝiaj uzantoj en nia grandega ĵurnalista rondo. Do sekve ni promesu pligrandigi tiun ĉi rondon, esperantigi niajn amikojn kaj kamaradojn en la ĵnrnalalaj kaj gazetaj redakcioj, por ke ĉiu redakcio havu propran esperantiston.*

*De mia flanko mi promesas dum la proksima jaro esperantigi ne malpli ol 3 ĵurnalistojn-moskovanojn.*

*Estus bone, se ankaŭ aliaj membroj de TAĴA min subtenos,*

*Tre ege bedaŭrante, ke pro mia santato mi ne povas partopreni en via laboro dum la 48-a Kongreso, mi esperas estontjare renkontiĝi kun vi sub la ĉielo de Nederlando.*

*Ivan Sergeev*
*verkisto, Mockvo.*
*29. VII. 1963*

* * *

*Karaĵ kolegoj,*
*mi varme salutas la ĝeneralan jarkunvenon de TEĴA kaj bondeziras al vi fruktodonan laboron*

*Arpad Szakasits —*
*Budapeŝto*

*Prezidanto de Hungarlanda Ĵurnalista Asocio kaj prezidanto de Hungarlanda Packomitato.*

*Karaj kolegoj*
*Bedaŭrinde pro eksterordinaraj kazoj mi ne povas ĉeesti la nunjaran U. Kongreson en Sofio. Mi tamen seninterrompe plenumas mian devon kiel TEĴA—ano kaj fakdele gito pri ĵurnalismo de UEA por Krakovo, kiel kunlaboranto porgazetara al nia Pollanda E. Asocio.*

*Dezirante al la 48-a UK kaj al nia TEĴA-kunveno bonan sekceson kaj prosperon al nia ĵurnalista afero, tutkore vin salutas*

*Emil Mayer,*
*Krakovo.*

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev, 98,Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*